# POLA ESPERANTISTO

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE.

# ESPERANTYSTA POLSKI

MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ.

ROK XXV JARO | KRAKÓW MARZEC 1931 MARTO | Nr 3 N-o

## KIEL NI FESTOS XXIII-AN EN KRAKÓW?

Denove post deknaŭ jaroj revenas tutmonda esperantistaro al malnova bela, pola urbo Kraków. Denove — ĉe la Vistulaj bordoj eksonos potence voĉo de komuna lingvo, de lingvo, kies nomo estas paco, internacia interkompreno — kaj superhoma amo.

Revenas migranta popolo de Esperanto-Patrujo al lulilo de ĝia lingvo — al lando super kiu unue ekbrilis radioj de brilanta, verda stelo.

Kaj Krakova popolo atendas.

Atendas ĉi tiujn, kiuj komprenas la signifon de tiu ĉi grava momento, kiuj de infaneco jam kreskis kun tiu ĉi sankta ideo en la koro — kaj ankaŭ tiujn kiuj nur de nelonge kun ĝi konatiĝis — kaj ĝin ekamis.

Atendas L. K. K. kaj ĉiujn tutkore invitas, ĉiujn volus vidi. Venu amase, venu ĉiuj kiuj nur povas kaj volas, venu ĝoje kaj volonte kaj ni akceptos Vin kiel eble plej gasteme, plej kore, plej bone!

Kaj kiam dum kongresa semajno triumfe ekbrilos verda lumo super Vavelaj turoj, kiam ĝojplene eksonos de malnova katedralo Sigismond-sonorilego — manku de vi neniu en gastemaj niaj muroj, festu tiam ĉiuj!

Kraków atendas kaj invitas!

Rememoru ĉi tiun momenton, kiam antaŭ deknaŭ jaroj la unuan fojon ekvidis esperantista frataro nian urbon, kaj ekaŭdis gasteman, polan inviton: „per kio riĉa kabano — per tio ĉi favora" — rememoru — kaj despli volonte venu! Hodiaŭ ni vin tutkore invitas kaj promesas malbedaŭron al ĉiuj kiuj venos.

Vi eble konas polan gastamecon — ĉi gastamecon, kiu kreigis konatan polan proverbon:

„Gasto hejme — Dio hejme"!

— — — — — — — — — — — — — — — —

Venu — kaj ni zorgos ke vi ne enuu, ke Vi havu ĉiam tempon okupitan ne laciĝe, ne senspire, sed kiel eble plej komforte kaj amuze. Ni zorgos, ke vi ĉeestu ĉion, kaj ne laciĝu, ke vi laboru — kaj ripozu

Kia estos programo? Ni povas nur je la orelo flustri al vi kelkajn vortojn, ĉar preciza programo estas ne ankoraŭ fiksita — sed aŭskultu:

Post la solena malfermo de la kongreso kaj interkonatiĝa vespero en Malnova Teatro (Stary Teatr) — kie vi ĝuos kelkajn agrablajn momentojn, sekvos dimanĉo — sankta tago de ripozo. En Maria-Preĝejo — antaŭ la altaro skulptita de Vit Stwosz en XVI. jarcento — okazos katolika diservo — kaj poste manifestacio tra la urbo. Posttagmeze ekskurso aŭtobusa al Ojców — belega klimatejo — situita en montoj (20 Km. de Kraków) kun misteraj grotoj kaj belaj arbaroj.

Post ekskurso kabareda vespero en teatro „Bagatela"... Lunde kunsidoj, fakkunsidoj, Somera Universitato, vizitado de la urbo, de muzeoj ktp., ktp. — kaj vespere... en korto de malnova, reĝa kastelo, ĉe lumo de diverskoloraj reflektoroj — festivalo... — Io tiel bela, impresplena kaj neforgesebla, ke ekkompreni ĉi tion povas nur tiu — kiu ĝin aŭdis kaj vidis... kaj vi vidos certe ankaŭ. Marde laboro, kunsidoj, prelegoj, ekskurso al Lasek Wolski (arbareto) kaj malnova monaĥejo en Tyniec kaj Bielany (vaporŝipe), kaj vespere reveno kun iluminacio urbon. Sed en teatro jam atendas vin nova distro: pola opero „Halka" de Monjuŝko...

Merkrede — de mateno kunsidoj kaj laboro. Posttagmeze preparoj al vespera kostumbalo. Koncerne la balon — ni petas ke ĉiuj partoprenontoj por propagando alprenu Krakovon nacian kostumon, kaj kiel eble ofte portadu ĝin dum la kongreso. Ĵaŭde — denove kunsidoj, prelegoj, ekskursoj, urbovizitadoj por ĉiu laŭvole — kaj vespere koncerto de pola muziko kaj polaj kantoj en Malnova Teatro. — Vendrede — ĉiutaga laboro, pli frua tagmanĝo kaj poste interesa ekskurso al salminejoj en Wieliczka, kie en profundaj grotoj amike palpebrumos al vi salkristaloj en torĉa lumo, kaj maljuna ministo rakontados al vi miraklajn fabelojn.

Sabate — forveturado. Ferma kunsido — kaj komenco de ekskursoj al Zakopane, al Tatry, al Warŝawa, Białystok ktp.

Tiom ni povas diri hodiaŭ — kaj detalan programon ni anoncos poste. Do ankoraŭ unufoje ni invitas vin tutkore — kaj esperas ekvidi en Kraków plejmulton.

**Loka Kongresa Komitato de XXIII en Kraków.**

# PRI KIO MURMURAS ONDOJ DE VISTULO.

Mallaŭte murmuras bluaj ondoj de Vistulo...

Ho — granda, bela rivero! Ho, reĝino de polaj riveroj — vi, kiu tiom vidis, tiom ĝojis kaj tiom ploris kun popolo ĉe viaj bordoj loĝanta! Sankta rivero...

Kiam dum maja nokto lastfoje ekkantas dolĉe najtingalo en apudriveraj arbustoj — kaj eksilentas — kiam ekdormas proksima urbo kaj de trankvilaj vilaĝetoj alvenas nur de tempo al tempo malproksima bojado de hundoj, la bluaj murmurantaj ondoj de Vistulo rakontas miraklajn fabelojn.

Atentu! Eksidu proksime sur malseka ŝtonego kaj aŭdu! Klinu la orelon kaj kaptu delikatajn kaj belajn kiel plej ĉarma muziko — vortetojn!

Rivero rakontas...

Aŭskultas sanktajn vortojn vekitaj miozotoj en malsekaj fosoj — aŭskultas nigra meditanta arbaro kaj brilantaj steloj sur blua ĉielo...

Aŭskultas malnovaj muroj de kastelo, memorantaj praajn malproksimajn tempojn, aŭskultas pola tero kaj polaj kampoj...

La rivero rakontas...

Antaŭ longa, longa tempo, kiam ĉi tie ankoraŭ kreskadis nepenetreblaj arbaregoj, kiam en lokoj de hodiaŭaj urboj kaj vilaĝoj nestsidis sovaĝaj bestoj kaj nur malgrandaj aretoj de trankvila popolo kulturadis malgrandajn pecojn da kampoj, sur monteto Vavel konstruis potenca pola princo fortegan kastelon.

Pasis tempoj... trapasis jaroj...

La princo estis kuraĝa kaj justa — lia popolo feliĉa... De limo ĝis limo oni laŭdis la bonan princon:

— Vivu Krak — potenca kaj nevenkebla!

Kaj Krak regis saĝe multajn jarojn...

Sed okazis, ke de ie, certe de malproksima, profunda maro aŭ de proksimaj montegoj Tatroj aŭ de malhelaj arbaregoj venis terura drako kaj ekloĝis en groto sub la princa kastelo sur la monteto Vavel. Finiĝis feliĉaj jaroj, nebuliĝis suno de la trankvila popolo, eksploris patrinoj, ektremis potencaj brakoj de viroj.

Venis pala timo!

Ĉiutage ruĝokula drako elrampadis de sia groto kaj spiregante fajron iris al homaj kabanoj, kaptadis iun junulon aŭ knabinon kaj manĝegis ĝin senkompate...

Senhomiĝis ĉirkaŭaĵo de la kastelo — ekzorgis la princo.

Kion fari? Kiel liberigi malfeliĉan popolon kaj mortigi sovaĝan beston?

Estis jam mallume, kiam al kastela pordo ekfrapis ŝufaristo Skuba. Sub la brako li portis ian pakaĵon.

— Kiu venas? — demandis gardisto.

— Skuba — respondis metiisto — gvidu min al la princo!

Iris Skuba al Krak kaj ĵetis ĉe liaj piedoj felon de ŝafo...

— Princo — diris — tiun ĉi felon mi pleniĝis per sulfuro. Ekfajru ĝin kaj donu al la drako kaj ĝi mortos.

Ekbatis vigle la princa koro pro ĝojo kaj mano kaptis glavon. Tuj ili iris ambaŭ al la groto de la sovaĝulo. Ekmuĝis la besto, kiam la homan odoron kaptis per la nazo kaj elsaltis eksteren. Ĵetis Krak la ŝafon en kiu bruletis sulfuro, la drako kaptis kaj glutis.

Ho, diabloj! Eksentis la besto la teruran fajron en ventro, rampis tuj al Vistulo, kuŝiĝis kaj komencis trinki akvon. Trinkis, trinkegis longe, longe — ŝajne la tutan Vistulon volis fortrinki kaj fine krevis.

Ekĝojis la princo, ekĝojis la sprita metiisto, ekkriis ĝojplene kastelanoj.

— Vivu Krak! Jam la lando estas libera de drako. Libera jam lando de ĉagreno!

Ĉirkaŭ la kastelo kreskis urbo. La saĝa princo ĉirkaŭigis ĝin per muroj kaj de sia nomo nomis ĝin Kraków kvazaŭ urbo de Krak (elparolu Krakuv).

Post morto de la princo reĝis lia belega kaj ĉarma filino —Vanda.

Vaste rakontadis homoj pri ŝia beleco, malproksime kantis bardoj pri ŝiaj bluaj okuloj kaj oraj haroj.

Fremdlandaj princoj vane petis ŝian manon, vane sendadis svatojn.

— Mi ne volas fremdulon — ŝi respondas — mi estas Polino kaj nur Polon mi edziĝos!

Certan tagon venis al la muroj de Kraków fremdlanda princo Ridiger kun multaj taĉmentoj. Eksonis militaj kornoj, ektintis glavoj kaj ŝirmiloj...

Iris princaj senditoj al la kastelo.

— Nia sinjoro sendas nin — diris fremduloj — kun peto pri via mano — princino. Se vi forĵetos lin, ni perforte akiros al li edzinon, kaj la landon ruiniĝos. Elektu!

Ektremis lipoj de blanka princino, ekruĝis palaj vangoj pro tiu ofenda minaco.

— For — ekkriis la princino — for al via fiera duko kaj diru al li, ke ni ankaŭ ne por amuzo havas glavojn kaj arkojn. Fremdulon mi ne edziĝos!

Foriris senditoj, fermiĝis krakovaj pordegoj.

Nokte preĝis Vanda:

— Dioj! Se vi permesos al mi venki fremdan fierulon kaj defendi mian popolon, mi oferos mian vivon, mi donos min mem sur viaj altaroj ofere pro libereco de mia popolo...

Dioj ekaŭdis kaj plenumis peton de la princino.

Sangmakuliĝis polaj glavoj — fremdaj militistoj ne revidis jam plu siajn hejmojn.

Mortintoj kovris la apudurbajn kampojn.

* * *

Apud Vistulo ornamis princinaj servistinoj la blankan sinjorinon kaj malgaje kantis. Ŝi rigardis lastafoje la kastelon, urbon, landon kaj adiaŭis ĉion por eterno. Ne ekbrilis larmoj en la okuloj, ne ektremis pro timo la knabina animo.

Dioj bezonas oferon!

Lasta rigardo... kaj kun pala rideto ŝi saltis. Malfermis larĝe siajn ondojn la rivero kaj akceptis karese la heroan princinon.

* * *

La popolo longe ploris post la morto de Vanda. Oni eltiris ŝian korpon el fundo de la rivero kaj surŝutis altan tombomonteton el plej kara kvankam plej malmultekosta materialo — el kampa tero same, kiel al ŝia patro Krak. Kaj ĝis nun montras la popolo du montetojn en ĉirkaŭaĵo de Kraków: „Tombomonteton de Krak" kaj „tombomonteton de Vanda" kaj sub la monto Vavel — groton de la Drako.

* * *

Tiel rakontas legendo!

# „VIZITO AL HINDA POETO"

de Ferdinand Goetel.

**La pola romanverkisto Ferdinand Goetel, kies nomo danke al tradukoj de kelkaj liaj verkoj en lingvojn francan kaj italan komencas fariĝi konata ankaŭ eksterlande, publikigas en „Ilustrowany Kurjer Codzienny" leterojn el la farata nun vojaĝo al Hindujo. Ni donas ĉi tie tradukon el unu el la lastaj liaj leteroj, en kiu li priskribas la viziton al la nordhinda poeto Ikball. La priskribo ŝajnas al ni interesa pro tio, ke ĝi interalie bone prezentas al lingvan kaoson regantan en Hindujo.**

Ikball, la poeto de norda Hindujo, loĝas en unu el flankaj stratoj en malgranda kaj modesta dometo. La teon *) li ne ĉeestis, ĉar li ne sentis sin tute sana. Mi trovis lin en granda ĉambro kun granda pipo en la buŝo. Ĉirkaŭe sidis kelkaj gastoj pli modestaj laŭ la eksteraĵo kaj kvazaŭ ne el la sama societo, kiun mi renkontis ĉe la teo. En tiu areto sola Ikball vestita estis eŭrope — se mi ne troviĝus en Lahore, mi dirus, ke li estas Turko. La vizaĝo energia kaj esprimplena, diveniganta je la unua vido eminentan individuon.

Li salutis min simple sed kun tiu seriozo karakteriza por la kutimo de muselmana Oriento. Mi sidiĝas apud li sur kanapo kaj havas la impreson, ke mi estas ano de iu konsilantaro, kiu kunvenis ĉi tie por pripensi gravaĵojn kaj aŭskulti prudentan opinion de l' poeto. La pordo de tiu granda ĉambro kondukas rekte eksteren, ŝirmas ĝin nur tiel, ke la kamero de Ikball ŝajnas inviti ĉiun trapasanton, ke li venu kaj aŭkultu, kion oni priparolas, aŭ demandu pri io, kion li dezirus ekscii.

En la daŭro de horo, kiun mi pasigis ĉe Ikball, envenis efektive kelkaj homoj, salutkliniĝis kaj eksidis en la rondo. Aliaj dume foriris. Kia diferenco inter tiu poeta hejmo malfermita por ĉiuj — kaj la fortikoj de eŭropaj m a j s t r o j, kiuj volonte starigus en la antaŭĉambro maŝinan karabenon turnitan kontraŭ la ŝtuparo. La unuan fojon, depost kiam mi kunestas kun la homoj en Hindujo, mi sentas ian kvazaŭ kortuŝon. Mi aldonu, ke en tiu ĉi domo regas simpleco limanta kun malriĉo; ke sur la planko kuŝas aro da dikaj libroj en lignaj kadroj. Unu flanke kuŝanta estas malfermita. Videble oni rigardis en ĝin.

Mi pripensas, ke, se ni scipovus revenigi al nia vivo la simplecon — tiel ĝuste devus aspekti la hejmo de poeto.

Oni parolas ĉi tie malrapide, respondas ne tuj, kvazaŭ por ke ĉiu havu la tempon konsideri la aferon, kiu estas la temo de l' interparolo. Mi konas iom tiajn interparolojn en Oriento kaj scias', ke nenio estas pli malfacila, ol voli ricevi de tiuj homoj tujan respondon en la stilo de eŭropa intervjuo tiel decida en Eŭropo. Ne rapidante mi proksimiĝas al la plie min interesanta temo, **la literatura lingvo de Hindujo.** Ikball estis skribanta ankaŭ en la klasika lingvo persa — sed li ne malzorgis dume **urdu,** kiu estas lingvo de la muselmanoj de okcidenta kaj norda Hindujo.

— Ĉu oni povas nomi „urdu" perfekta lingvo literatura?

Ikball ekridetas.

— Urdu ne estas ja verŝajne la lingvo de l' literaturo kaj precipe de l' poezio.

*) Fife o' clock, aranĝita antaŭtagon por Goetel de Penĝaba high life-societ.

— Kial?

— Ĝi transformiĝas de tag' al tago kiel preskaŭ ĉiuj lingvoj de Hindujo.

— Oni diras tamen, ke tiu urdu fariĝas ĉiutaga lingvo de tuta Hindujo kaj anstataŭas la anglan.

— Ĝi ne estas urdu, sed **hindostani.**

— Tio ja estas la samo!

— Ne! Tiuj lingvoj estas tre similaj, sed ili disvolviĝas ĉiu en alia direkto. Mi supozas — li aldonis — ke certe la plej disvolviĝinta lingvo literatura de nuntempa Hindujo estas **bengali,** en kiu verkadas Tagore.

— Kaj ĉu Tagore estas komprenebla por la loĝanto de Penĝab?

— Ne! Nur eble — li ekridetis — se oni lin legas en la traduko angla. Nu, kaj vi, polaj literaturistoj, ĉu vi verkadas en la pola lingvo?

— Ja komprenebIe! Sen la pola lingvo ne ekzistus la pola literaturo — kaj, kiel ni tion komprenas, ne ekzistus la pola nacio!

Iom pli longa silentado.

— Tiaokaze en Hindujo ekzistas kelkcent nacioj! — ekridetas Ikball kun certa indulgemo. Kaj nun mi vere ne scias, ĉu li estas fiera pro tiu giganta diverslingva Hindujo aŭ ĉu li envias bonkore unulingvan Polujon.

— Kio tiaokaze estos — mi ne povas min deteni — kun la kultura vizaĝo de unuiĝita Hindujo.

— Tion scias neniu! — la politikaj okazaĵoj en ĉi tiu lando disvolviĝas senkompare pli rapide ol iras la disvolviĝo de la nacia kulturo. Tial do hodiaŭ, kiam ni estas tiel proksimaj al la forigo de la angla mallibero — pli multe kaj **pli forte ol iam ni estas devigitaj akapari ilian lingvon.**

— Kaj certe ne nur la lingvon — mi aldonas — sed ankaŭ kulturon, ni diru, civilizon anglan.

— Ĝi estas la samo! — entrudas deflanke juna homo.

— Por hodiaŭa Hindujo gravaj estas la faktoj, sed ne la veroj. Ĉio estas bona, kio nin kondukas antaŭen.

— Kie estas tiu antaŭen? — mi demandis.

— Al klereco, al bonstato, al egaligo de sociaj maljustaĵoj! — li klarigas fervore. — Ni estas la plej malriĉa lando en la mondo kaj eble unu el la plej elprofitigataj! Vi scias, ke la **meza jarenspezo** de nia civitano estas 50 rupioj (ĉ. sv. frs. 92.50), kiel asertas Angloj, kaj 30 rupioj, kiel asertas ni!

— Ĉu vi deziras diri, ke tio estas multe aŭ malmulte — demandis Ikball

— Komprenenble: malmulte!

— En tia okazo tio estas jam la vero kaj ne la fakto — li rimarkis filozofie. — Kaj eĉ la angla vero, kaj ne la nia, ĉar mi ne scias, ĉu 10 procentoj de tiuj mizeruloj komprenas tiel kiel ni, konantaj la okcidentan socjologion, ke tio estas malmulte, pli ol malmulte, preskaŭ nenio. Sinjoron Goetel interesas tio — li turnis sin al la juna homo — ke ni postkurante la faktojn de eŭropa civilizo ne havas pro-

prajn verojn faciligantajn ilian akcepton, sen la minaco detrui nian propran tradician kulturon.

— Ĝuste! — mi jesis — kun tiu rezerva rimarko, ke vi akceptante la faktojn de l' okcidenta kulturo, produktas verojn tute diversajn.

— Mahatma Gandhi! — ekkrias sen ombro de simpatio la junulo.

— Jes! Ĉar ja la movado, kiun elvokas lia ŝpinrado, rompas verdire hodiaŭ la komercon de anglaj produktaĵoj — tamen morgaŭ... — mi haltis timante, ĉu mi ne diris tro multe.

— Finu! — kuraĝigas Ikball — mi kelkfoje pensis pri tio...

— Morgaŭ ĝi disvolvos la **Hindan industrion,** kiu devos rompi la tradiciajn verojn, kiuj estas la esenco de l' ŝpinrado.

Esperantigis **Bronko.**

# SALUTO AL STELOJ.

Kiam la ruĝe-ora disko de la suno kaŝis sin sub la horizonton, sur la tero ekregis krepusko. La ĉielo en la okcidento aspektis ankoraŭ, kiel fandita oro, sed baldaŭ el la oriento ekfluis melankolia grizo, por kovri la ĉielon kaj la teron.

Sur la ĉielo ekbriletis la unua stelo. Komence — timeme Poste — pli kuraĝe, kunvokante la aliajn. Kaj en la novluna nokto baldaŭ la tuta ĉielo — la senlima, malluma kampego, brilis de steloj.

La majesto, la gloro de la universo, kaŝtenata dum la tago, elaperis, parolante pri la mondoj malproksimaj, pri gigantaj sunegoj, pri stelaj arĥipelagoj en la oceano de l' etero, pri la spacoj, en kiuj perdiĝas homa penso.

Junulo rigardis la ĉielon. Sur brilanta punkto li fiksis la rigardon. Li sciis, ke tiu punkto estas mondo. Li sciis, ke inter ĝi kaj li etendis sin spaco tiel vastega, ke eĉ la rapidfluga sendito de la steloj, la luma radio, bezonas milionojn da jaroj, por ĝin trakuri.

Milionoj da jaroj! Se ĝi estas brulanta suno, la fajra eksplodo, kies rezulto nun frapas liajn okulojn, okazis eble antaŭ dek milionoj da jaroj. Se ĝi estas mondo, simila al la nia, antaŭ tiom da jaroj tuŝis ĝian supraĵon la lumo, kiu reflektiĝis de ĝiaj akvoj aŭ montpintoj. Se ĉe la brilo de tiu lumo homoj laboris, ĝojis aŭ suferis, la homoj jam delonge forputris en tomboj. Se tiu radio rebilis de glava klingo, la glavon jam delonge formanĝis rusto.

Ho tiu spaco senlima, kiun trakuras la luma radio? La malpleno, kiu simile al murego apartigas nin de aliaj mondoj! Kaj en tiuj aliaj mondoj vivas eble kreaĵoj, similaj al ni. Sur tiu malproksima stelo eble staras junulino kaj rigardas al nia planedo, kiu sendas al ŝi sian saluton, la brilon el antaŭ dek milionoj da jaroj. Kaj eble alia junulino rigardos post jarmilionoj kaj ekvidos la hodiaŭajn lumajn eĥojn de la tero. Eble post tiu tempo ie homoj aliaj, kies rigardoj kuros tra la etero al nia planedo, demandos ĝin, ĉu tiuj, kiuj tie vivis, havis la konscion pri la senmezureco de la universo, ĉu al siaj malproksimaj kunfratoj ili penis iam sendi saluton?

La nokto forpasis, ekbrilis la lumo de la nova tago. En tiu tago la junulo ne tagmanĝis. Kaj li ne tagmanĝis en la sekvanta tago, nek en la tago, kiu venis poste. Li vendis siajn librojn. Li vendis sian arĝentan horloĝon, kaj la ringon, hereditan de la avino. Kaj poste li vendis la lastajn vendeblajn meblojn de sia modesta ĉambreto. Li vendis, kion li povis.

Kaj li aĉetis piroteknikajn fajrajojn. Li aĉetis multe da fajro, fermita en pulvo, kaj atendis, ĝis venis novluna nokto.

Venis nokto nigra, kiel peĉo. La junulo iris sur kampon, kie ne niaj konstruaĵoj nek arboj kovris la horizonton — la oceanon de l' universo.

Li metis fajron al la pulvo.

En la nigra mallumo kvazaŭ eksplodis vulkano. Ne tia vulkano, kia vomas ŝtonojn kaj fumon, sed tia, kia en potencega ekspiro ĵetas al la ĉielo torenton da kolora brilo, radiajn serpentojn, flamajn bombojn, hajlegon de lumo, kian oni neniam vidis sur la tero. Eksplodo sekvis post eksplodo. Ŝajnus, ke ĉio jam devus forbruli, sed ne! Certa parto de la polvo, antaŭe malsekigita, eksplodadis nur iom post iom, kaj plue ŝprucadis kolonoj de kolora fajro, por sendi al la ĉielo luman saluton.

Fine forbrulis ĉio. La lumoj estingiĝis. Sed ili ne mortis. Ili ekflugis for, en la spacon, senmortaj, por al renkontotaj mondoj porti saluton de la Tero.

Sur la ebenaĵo restis la junulo, etendita sur la kampo. La eksplodo elmordis liajn okulojn, nigrigis lian korpon. Sed li jam ne sentis tion...

* * *

La tempo fluis. Fluis tagoj kaj jaroj, jarcentoj kaj jarmiloj. Sur la tero generacio post generacio iris en tombon. En la oceano de l' universo ĉiam brilis steloj.

Unu fojon sur unu el tiuj mondoj homoj, kiuj observis la noktan ĉielon, rimarkis sur malproksima, jam delonge malvarma globo, strangan fenomenon. Ĝi estis kvazaŭ eksplodo de vulkano, sed eksplodo stranga, kian oni neniam ĝis nun observis. Lukse fluis flamoj de ĉiuj koloroj kaj la tuta fajraĵo similis al ia mirinda, sorĉa floro.

Fama astronomo rigardis la fenomenon. Kiam estingiĝis la fajro, ekzumis ĉirkaŭ li murmuro de miroj kaj supozoj. Dum oni sugestis diversajn respondojn al tiu stranga apero, diris iu serĉe: „Kaj eble tio estas saluto, sendita al ni de la Tero?" „Stultulo, malsaĝulo! — vokis la aliaj — Ĉu vi ne scias, ke tiu eksplodo, kiun niaj okuloj vidis hodiaŭ, devis okazi antaŭ milionoj da jaroj?! Ĉu homoj sur Tero — se tie ekzistas homoj — kaŭzus tian brilegon, por nin saluti, sciante, ka tiu salto atingos nin nur post jarmilionoj, kaj ke eble neniam venos al ili respondo? Ne, sendube! Ĝi estis simpla erupcio de vulkano, nur iaj nekompreneblaj atmosferaj cirkonstancoj trompis nin per tiuj ĉielarkaj koloroj kaj harmoniaj formoj. Inter la malproksimaj mondoj ekzistas nenia kontakto, nenia saluto venas de unu al alia!"

Dum la amaso bruis tiel, la astronomo silentis. Profunda medito

surdigis lin kontraŭ la krioj de la ĉirkaŭantaro. Liaj okuloj estis fiksitaj sur la malproksima stelo.

Kaj en la sekvanta nokto, en la nigra, senluna nokto, meze de silento kaj mallumo eksplodis vulkano de koloraj fajroj. Ĝi estis respondo. Sed oni vidos ĝin sur Tero nur eble post aliaj dek milionoj da jaroj.

**L. Zamenhof.**

# OFICIALA BULTENO.

**de XXIII. Universala Esperanto Kongreso**
**KRAKÓW, str. Lubicz 34, Pollando.**

**ŜTATA HONORA KOMITATO.** La honoran komitaton bonvolis ĝis nun eniri s-ino Aleksandra Piłsudska — marŝaledzino, s-o dro Stefan Hubicki — ministro de laboro kaj socia prizorgo, s-o inĝ. Alfons Kühn — ministro de komunikado, s-o dro August Zaleski — ministro de ekstero, s-o generalo Roman Górecki — direktoro de Bank Gospodarstwa Krajowego (Banko de nacia mastrumado) kaj prezidanto de FIDAC. Walery Sławek Prezidanto de la Ministra Konsilantaro, Dr. Slawomir Czerwiński Ministro de la Instruado, Dr. Leon Janta Połczyński Min. de la Agrikulturo, Aleksander Prystor Min de la Industrio kaj Komerco, Inĝ. Ministro Norwid Neugebauer Min. de Laboro kaj socia prizorgo, Dr. Leon Kozłowski Min. de agrikulturaj reformoj, Dro Mikołaj Kwaśniewski Vojevodo de Kraków, Dro Michał Grażyński Vojevodo de Silezio, Inĝ. J. Szymański Vojevodo de Varŝavo. Kompletigo de la listo aperos post ricevo de pluaj informoj.

**Honora Komitato:** Registara komisario de ĉefurbo Varŝavo Wł. Jaroszewicz.

**Kotizo:** Zł. 44.—; Infanoj ĝis 14 jaroj Zł. 11.—; Helpkongresanoj, kiuj ricevas ĉiujn kongresajn dokumentojn, sed ne partoprenas en kongresaj aranĝoj Zł. 22.—; Blinduloj ne pagas kotizon. —

**Pagmaniero:** Per poŝtĉeko, poŝtmandato, bankĉeko, monbiletoj, en registrita letero. Plej oportuna pago estas pere de Pola Poŝtŝparkaso (Pocztowa Kasa Oszczędności) al nia konto: 23. Universala Kongreso de Esperanto, Kraków Nro. 410.975.— Senpera transpago estas ebla el: Aŭstrio, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Jugoslavio, Latvujo, Nederlando, Svedujo kaj Svisujo. — Kongresa banko estas: Bank Gospodarstwa Krajowego, filio Kraków.

**Garantia kapitalo:** Ni petas deklari bonvolan sumon por kovro de eventuala deficito.

**Donacoj.** LKK volonte akceptos donacojn, por plensukcesigi la kongreson. Jam enpagis s-o Sennomulo 50 zl kaj s-o Pęksa el Czarny Dunajec 6 zł. K. Bujwidowa 6 zl. K. Roupertowa 6 zł. R. Weinsberżanka 10 zł. M. Salamon 6 Pastro J. Kubacki el Indjana U. S. A. 26 zl. 50. entute 110 zł. 50 gr.

**Blindula kaso:** Por ebligi al niaj blindaj samideanoj senpagan partoprenon la L. K. K. kun danko akceptas ĉiujn mondonacojn por tiu ĉi celo.

**Subvencio:** La estraro de la urbo Kraków promesis subvencii la kongresan kason per la sumo da Zł. 10.000.

**Kongresmarko:** Estas eldonita bela trikolora glumarko, kiun ni petas ofte uzi por multe propagandi la Kongreson. Unu folio kun 28 pecoj kostas Zł. 1.

**Ilustritaj poŝtkartoj de Kraków:** Albumo kun 8 kartoj kostas Zł. 1.

**Loĝado:** Aparta mendilo estas sendata al ĉiuj aliĝintoj. Por orientiĝo de la kongresanoj ni donas ĉi-sube la prezojn:

**Hoteloj:** Kategorio A 1-lita Zł. 15—18.50, 2 lita Zl. 25—34.
Kategorio B 1-lita Zł. 10—14.50, 2-lita Zł. 18—24.
Kategorio C 1-lita Zł. 8—9, 2-lita Zł. 13—17.
Kategorio D 1-lita Zł. 6, 2-lita Zł. 11.50.

**Pensionoj:** Loĝado, maten-kaj tagmanĝo. Kategorio A zł. 12. Kat. B Zł. 11.
**Privataj loĝejoj:** Kat. A Zł. 8, B Zł. 7, C Zl. 6, D Zł. 5.
**Komunaj loĝejoj:** Zl. 2—3. s

La citItaj prezoj entenas jam servadon, trinkmonon, en kelkaj hoteloj ankaŭ matenmanĝon.

**Manĝoj:** Matenmanĝo Zł. 1—1.50, tag- kaj vespermanĝo 2—3 sen trinkaĵo.

**Fervoja rabato:** Ĉiu kongresano ricevos ĝustatempe specialan rajtigilon por profiti el 50 proc. rabato sur polaj fervojoj antaŭ kaj post la Kongreso.

**Pasportoj:** Ĉiu kongresano devas posedi pasporton. Pola vizo en ĉiuj landoj senpaga.

**Provizora programo:** Sabato 1. VIII. 17h Malfermo de la Kongreso.
20h Interkonatiĝa vespero.
Dimanĉo 2. VIII. 9h Diservoj.
10h Manifestado tra la urbo kaj fotografado.
14h Ekskurso al Ojców (aŭtobuse).
Lundo 3. VIII. 9h Laborkunsido de la Kongreso.
15h Laborkunsido de la Kongreso.
20h Koncerto en korto de kastelo Wawel.
Mardo 4. VIII. 9h Kunsidoj.
15h Ekskurso ŝipe aŭ aŭtobuse al Tyniec.
20h Opero.
Merkredo 5. VIII. 9h Kunsidoj.
15h Kunsidoj.
21h Kostumbalo.
Ĵaŭdo 6. VIII. 9h Kunsidoj.
15h Kunsidoj.
20h Teatro aŭ Koncerto.
Vendrede 7. VIII. 9h Kunsidoj.
13h Ekskurso al salminejo en Wieliczka.
21h Kabaredo.
Sabato 8. VIII. 9h Fermo de la Kongreso.
14h Forveturo al Warszawa, Białystok, Zakopane ktp.

**Ekskursoj:** En programo troviĝas dum-kaj postkongresaj ekskursoj, organizataj interkonsente kun LKK. de vojaĝoficejo „Orbis". Postkongresaj ekskursoj estas proponataj al Zakopane, Tatroj, Pieniny, banlokoj ktp. Detaloj sekvos en unu el plej proksimaj bultenoj.

**Karavanoj:** Estas anoncitaj karavanoj el Berlin, Beograd, Budapest, Danzigo, Milano, Parizo, Stockholm.

**Grava peto:** Ĉiuj aliĝantoj kaj korespondantoj estas petataj skribi sian nomon kaj adreson tre legeble kaj ĉiam ripeti la adreson.

**Loka Kongresa Komitato.**




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.

**Pola Teritorio. Ĉefdelegito: J. Ŝapiro, Lipowa 33, Białystok**

**Konto ĉe P. K. O. No 60.047.**

**OFICIALA BULTENO No 22.**

**VARBADO POR UEA.** Ni plenumas agrablan devon, dankante plej kore al multaj niaj fideluloj, kiuj ne nur repagis sian kotizon por la jaro 1931, sed ankaŭ penis varbi novajn membrojn por nia Asocio. Ni esperas, ke ankaŭ ĉiuj aliaj pasintjaraj membroj de UEA kaj samideanoj kiuj ĝis nun ne apartenis al ĝi, bonvolos kompreni la gravecon de nia sola granda tutmonda organizajo, praktike aplikanta esperanton, kaj havos la afablecon aliĝi al Universala Esperanto-Asocio. Precipe pro la nunjara Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en nia lando, ni devas okupi indan lokon en la tutmonda Esperanto-movado. Tial ĉiu Esperantisto rapidu aliĝi al UEA!

**MALKARA ABONO DE „POLA ESPERANTISTO".** Ni memorigas denove, ke ĉiu Subtenanto aŭ Membro-Abonanto de UEA rajtas aboni „Polan Esperantiston", la organon de XXIIIa Universala Kongreso de Esperanto, por malkarigita prezo de 5 zlotoj jare (anstataŭ 8 zl.). **Por ĝui tiun favoron pagu la cititan sumon al la loka Delegito aŭ rekte al Ĉefdelegito en Białystok, indikante vian membronumeron. La Administracio de „Pola Esp." ne akceptas rekte de la membroj la malkarajn abonmendojn.** Ĝis la 1. 3. n. j. jam 61 MA uzis tiun favoron kaj ekabonis „Polan Esp.".

**JARLIBRO 1931.** La nova Jarlibro de nia Asocio estas jam en preparado kaj aperos nunjare pli frue, ol kutime. Ĉiuj membroj, pagintaj sian kotizon, ricevos la Jarlibron tuj post ĝia apero.

**KONKURSO.** La Centra Oficejo de U. E. A. starigis novan **servon de propagando,** kiu akcelas la eldonon de propagandiloj en naciaj lingvoj. Tiucele estas nun anoncata konkurso pri teksto de propagandilo, kiu estos bazo por unuforma nacilingva propagandilo. La longeco de teksto ne devas transpasi 3.000 literojn. La teksto estu maŝinskribita kaj portu devizon. La nomo de la verkinto estu sendata aparte kun cito „Konkurso 1931". Ĉio devas veni al C. O. en Ĝenevo (1, Tour de l'Ile) ĝis fino de Marto n. j. Premioj: I — 125 sv. fr., II — 75, III — 50. Krome estas starigitaj sep pliaj premioj, konsistantaj el libroj. Legu detalojn pri tiu konkurso en februara No de „Esperanto".

**STATO DE UEA EN POLUJO.** La 1-an de Marto n. j. UEA havis en Polujo 291 membrojn (4 DM, 11 MS, 159 MA, 110 M, 7 EM) kaj 1 Esp. Entreprenon. Nombro tute nesufiĉa kaj neimpona! Ni ĉiuj kune laboru por ĝin pligrandigi kaj pligravigi!

**NOVAJ DELEGITOJ.** Estas starigita nova Delegito:
BARANOWICZE. D. Abram Gelfand, komercisto, Sadowa 38.
Provizore ne estas Delegito en Grajewo.
Samideanoj en lokoj, kie ne estas ankraŭ Delegito, estas petataj sendi proponojn al la Ĉefdelegito en Białystok.
Białystok, la 1. 3. 1931. **J. Ŝapiro,** Ĉefdelegito de UEA.

# LWÓW-DANĜERA URBO DE ĈARMAJ ESPERANTISTINOJ!

Nia vojaĝanta s-ano Z. malkovris tute neatendite en Lwów klubon de batalemaj verdaj Amazonoj. En ĉi-malsupra artikoleto s-ano Z. rakontas la okazintajon.

**Redakcio.**

Kiam la vagonaro alvenigis min al la bela stacidomo de Lwów, nenia antaŭsento ensteliĝis mian koron.

Kiam post kelkaj tagoj miaj piedoj alportis min al la pordoj de Lvova Societo „Esperanto, ĉe la str. Boulard, por aŭdi anoncitan prelegon pri „Hinda medicino", mia koro batis tute normale.

Forte, intense ĝi komencis bati nur de tiam, kiam mi, kompatulo, malfermis la pordojn de la klubejo. Ho mia kor' ne batu tiel fort' mallaŭte mi ekkriis. La ejo estis plen-plena de gracie ŝvebantaj ĉarmaj kreaĵoj, parolantaj flue kaj bonsone nian lingvon. (Nenia bezono kompreneble aldoni ke tiuj kreaĵoj estis inaj).

Per instinkta defend-movo mi volis min returni por plej rapide forkuri el tiu sorĉa loko, kien mi tiel neatendite enfalis, sed, o malfeliĉo, estis jam tro malfrue! Ekvidinte min (mia Dio, mi prezentas vere nenion vidindan) kelkaj el la proksime ŝvebantaj, ŝajnas plej batalemaj kreaĵoj, jetis sin sur min... kun ĉarma rideto sur la lipoj kaj per kelkaj akraj... lingvaj demandoj devigis min al tuja kapitulado.

Tenante per unu tremanta mano mian malfeliĉan koron, kiu ne volis ĉesi sian „dancon de marionetoj" kaj per alia mian ĉapelon, mi obeeme, kiel konvenas al bone disciplinita esperantisto, sidiĝis sur montrita per energia fingreto lokon, t. e. meze de banko longa de kelkaj metroj, okupita tuta (jes tuta!) de verdstelaj batalantinoj kaj...

Sed plue mi jam pli bone ne rakontu. Por resti honesta, mi konfesu nur, ke oni min ne turmentis, ke oni min ne demandis, kiom da jaro mi kalkulas, ĉu mi havas edzinon kaj infanojn, ĉu mi ŝatas blondulinojn aŭ brunulinojn, tute ne...

Post kelkaj horoj mi eliris el la klubejo Lwów-Esperanto (antaŭ

foriro mi donis la parolon reveni!) en tre bona humoro pro ekkono de hinda medicino kaj de mia malkovro.

Kaj nun mi rapidas konigi al la Kavaliroj de l' Tutmonda Paco jenan alvokon amikan: forlasu viajn okupojn, aferojn ktp, kiuj tutegale nune malbone prosperas, formetu la zorgojn kaj venu Lvovon. Sed kirasu bone vian koron per firma ŝirmilo, kaj se ĝi estos tamen tro malforta kontraŭ la atako de Lvovaj verdstelaj Amazonoj, ne bedaŭru! Vi benos tiam la kreinton kaj la... subskribinton. **Z.**

# MALFERMITA LETERO.

Al Delegito de U. E. A. Sinjoro SCHERER

**En Los Angeles**

Tre estimata sinjoro!

„Heroldo de Esperanto" Nr. 23-a komunikis ĝojigan sciigon: „La unua Esperanta parolfimo venas al Birmingham, Anglujo". Bedaŭrinde la plimulto de ĉeestintaj du mil personoj estis neesperantistoj.

La fakto mem, ke esperantaj lernolibroj — multoble pli estas aĉetataj ol legolibroj, elokvente konvinkas, ke dezirantoj estas pli multaj ol sciantoj.

Se oni povas senstreĉe, sen ia ajn pacienciga penado nur per inokulo apliki la scion de lingvo Esperanto, sendube ni tre sukcesus, ĉar la lerneja sistemo ne sufiĉe kontentigas la maturan okupitan popolon.

Por ili estas pli taŭgaj la perbilda Esperantistigilmetodo de D-ro Benson kaj la konversacimetodo de pastro A. Ĉe.

Sed ĉi-tiuj du apostoloj por la tuta mondo estas nur kiel du gutoj por oceano. Ni bezonas apliki la teknikon. Oni devas akomodi la ambaŭ metodojn je unu son- kaj mutfilmo. Memkompreneble, ke tio estu preparota en alloga, distra kaj bonhumora formo, kun bonaj famaj kantistoj kaj eminentaj esperantaj parolantoj, kun diversnaciaj esperantkongresaj procesioj, ekskursoj k. t. p. Ja ne per instruistoj, nur pere de teatroj estas disvastigataj inter la popolaj amasoj diversaj modernaj kantetoj.

Certe, ke serio de esperantistigilfilmoj ebligus al ĉiu okupita laborulo- nur vizitante ok aŭ dek dimanĉojn la kinoteatron — sindistrigante ekkoni Esperanton. La genio de D-ro Benson kaj la artista lerteco de A. Ĉe sufiĉe garantias nian ĉi-aserton.

Nu, tion ni, espereble, prikonsideros. Sed de kie venos la grandegaj monsumoj, necesaj por tia afero, kiel solvi jenon?

Ni petas, ne moku nin, se ni demandos; Ĉu estas eble pere de la Ligo de Nacioj aŭ alimaniere garantii multjaran patentrajton por Esperanta sonfilma entrepreno? En tiu okazo unuiĝo de filmpotenculoj por reakiri la tutmondan merkaton eble efektivigus tion? Jam iam okazis, ke petrolkoncerno disdonacis milionon da petrollampoj en ĉinaj provincoj, kie la popolo antaŭe uzadis nur kenojn kaj kandelojn, kaj per tio ĝi akiris novan merkaton por petrolo.

La fama filmindustrio „Metro-Goldwyn-Mayer" en persono de S-ro Fred Niblo, direktoro, akceptinta de Vi ankoraŭ en 1928 j. esperantan flagon, opinias, ke la sonfilmindustrio bezonas Esperanton.

En tiu okazo niaj vojoj koincidas, do ili liveru la materialajn rimedojn, kaj ni, esperantistoj — la spiriton. Krom tio en ni ili akiros senpagan tutmondan idee organizitan propagandistaron por iliaj fabrikajoj: mano manon reciproke lavas. Se Los Angeles kaj Hollywood estas la plej riĉaj filmodinamitejoj, nia malriĉa esperantistaro estas la malgranda fajrero. Kunigu ilin kaj ektondru la eksplodo kaj Esperanto eklumigu la tutan mondon!

Se dume Vi nur sonĝas pri tio, kredu, ke, kiam la homaro ekflaros la venengasojn, kiujn oni tiom abunde elfabrikis, tiam certe la similaj utopioj estos efektivigeblaj.

Akceptu niajn korajn salutojn.

**ing. Michał Chmieliński**
delegito U. E. A.
Novogródek — Polujo.

**A. Gelfand**
delegito U. E. A:
Baranowicze — Polujo.

## KLARIGOJ.

1. Ni konsideras, ke la Esperantaj filmoj estu adaptotaj precipe por sub- kaj mezkleraj popoloj.

2. Per la du-trihoraj seancoj je 8—10 h. vespere dimanĉe certe estas atingebla almenaŭ la komprenigado de Esperanto. Ni akcentas, ke por komenco tio sufiĉos. Okaze, ke iu ekbezonos eksterlandan interrilaton jam pli facile li povos diversmaniere perfektiĝi en la lingvo.

3. Anstataŭ la ordinaraj kinoprogramoj la vizitontoj akiros Esperantistigilojn de D-ro Benson (eble eldonotaj por tiu ĉi celo kun specialaj kantetoj) kaj ankaŭ hejme oni havos la plezuron sindistre trarigardadi la bildojn, uzante la okazon ankaŭ ekscii la internacian lingvon sen ia ajn streĉo.

4. La samajn Esperantistigil-foliojn oni eldonu en pligrandformataj koloritaj bildoj, por elpendigi ilin kiel reklamilojn en lernejoj, stacidomegoj, internaci-vagonaroj, doganoj, oceanvaporŝipoj kaj aliaj trafikejoj, kiuj havas internacian interrilaton.

5. Tre favore estus, se La P. E. D. rekte pere de I. C: K: invitu al la XXIII-a en Krakovon D-ron Benson kaj reprezentantojn de tutmonda filmindustrio. La kongreso estos la plej bona peranto kaj la komuna volo certe donos rezultojn.

4. Ni konsideras nun la aferon kaj demandon pri esperantistigilfilmoj urĝe aktualan. Ĉar, posedante telegrafon kaj telefonon, oni ne uzas plu la prahistorian ĉevalrajdantan kurieron, ne malpli primitiva estas la infanlerneja sistemo por lacaj okupitaj plenaĝuloj, kiuj ĝenerale ne ŝatas lernolibrojn. Atentu, ke iu ajn vanta dramverkisto kiu spertis fari lertan akrobatajon pli sukcesas ol serioza filozofo; eĉ ia centaŭro-boksisto estas pli populara ol spiritulo-scienculo. Ankaŭ la ĉefpastroj tion konsideras kaj tre praktike aranĝadas servojn en lukse ornamitaj katedraloj kun orgenoj, kantoj, solenaj procesioj kaj sonorilado, kvankam la bona Dio estas malsurda kaj pli favore atentas la mallaŭtan larman preĝon de Lazaro-malriĉulo.

**M. Chmieliński.** **A. Gelfand.**

# POLLANDA KRONIKO

**BYDGOSZCZ.** En la monata kunveno februara de la loka „Societo Esperanto" parolis s-o Władysław Pfefferkorn pri „Esenco kaj estonteco de la Mondlingvo". La bonsukcesan Esperanto-balon, aranĝitan la 25. de februaro partoprenis pli ol 100 esperantistoj kaj esperantemuloj. La societo invitis al Bydgoszcz por prelego la hindon Lakshmisvar Sinha. Okazas kelkaj novaj Esperanto-kursoj interalie ĉe la loka skoltaro, gvidata de la entuziasma skolto kaj esperantisto Zbigniew Woźniewski.

**LUBLIN.** Kafejo „Warszawska" situita apud ĉefstrato Krakowskie Przedmieście Nr. 60 — en mezo de urbo fariĝis vera centro de esp. vivo en nia urbo. Ĉiumarde kaj ĉiumerkrede de 8 horo vesp. speciala ĉambro estas rezervita ekskluzive por esperantistoj. Tie-ĉi troviĝas riĉa biblioteko de „Pola Esp. Societo" kaj legejo de esp. jurnaloj. — „Pomocniczy Język Światowy" destinita por neesperantistoj estas metita en alia ĉambro. — En fervojstacio fondiĝis konversacia esp. rondeto, gvidata de staciestro S-ro Konstanty Bieńkowski.

**BIAŁYSTOK.** Dank' al la sindonema laboro de nia Komitato, la Esp. agado en la urbo multe progresas.. Precipe la komitato lastatempe aranĝas kulturajn vesperojn, kiujn nia membraro tre volonte partoprenas kaj helpas niajn entreprenojn. Fondiĝis i. a. t. n. viva gazeto s. t. „Nia Sonorilo". La unuan fojon ĝi aperis la 21-an de Novembro — 30 j.

La gesamideanaro ĝoje pasis la vesperon aŭdante la originale verkitajn artikolojn de siaj kolegoj k. penante imiti tiun ekzemplon.

La 28-an de Novembro — 30 j. okazis prelego de samideano Jabłoński s. t. „Moloĥ"-Granda Urbo Laŭ Jakób Wasserman. Ĉeestis ĉ. 50 personoj.

La 5 — XII — 30 j. okazis prelego de S-ano Frydman s. t. „Nia Espero kaj la Efektiveco". Post la prelego, sekvis vigla diskutado. Ĉeestis ĉ. 40 pers.

Cies kontenton elvokis la sciigo, ke nian urbon vizitos f-ino Lidja Zamenhof, kiu estis invitita de la Urba Universitato por prelego en la loka teatro, s. t. „Na ruinach wieży Babel". Nia Societo uzis tiun unikan okazon kaj la saman tagon je 8-a vesp. post la prelego en la Teatro la gasto prelegis Esperantlingve en alia salono pri Bahaismo. La interesegan prelegon aŭdis ĉirkaŭ 100 personoj. Post tiu prelego la Komitato de nia Societo aranĝis „Teo-Vesperon" speciale dediĉitan por la gasto. La Prez. S-ro Ŝapiro dum sia prelego salutis la gastojn; F-inon Zamenhof kaj S-ron Wolański, kiu revenis de bicikla vojaĝo propaganda por Esperanto en Eŭropo. La vesperon gajigis per siaj belkantoj S-roj Dro Datner, Apfelbaum kaj Halpern. La lasta bele kantis novverkitajn kantojn de la talentoplena komponisto S-ro Hiller en Łódź. Poste la 50-samideana ĉeestintaro gaje pasigis la vesperon ĉe teo kaj frandumaĵoj ĝis mateniĝo.

La 26 — XII — 30 S-ro Wolański rakontis en la Societejo siajn vojaĝokazintajojn dum sia vojaĝo tra Eŭropo. Aŭdis ĝin ĉ. 60 personoj.

La 16 — I — 31 okazis fermo de malnovaj kaj malfermo de novaj kursoj. La salono estis plenŝtopita per novaj kursanoj. La gefinintoj de la antaŭa kurso jam ricevis atestojn de P. E. I. en Kraków, kiu oficialigis nian Ekzamenan Komisionon. La I-an premion ricevis F-ino K o t, la II-an F-ino Bekensztajn kaj la III-an premion ricevis F-ino Miszondznik. En la nomo de la kursanoj dankis al la Komitato kaj al la instruistoj por gvido de Esperantaj kursoj F-ino Abelow. Sekvis amuza parto sub gvido de S-ro Kurjański. La vespero tre bone sukcesis.

Nova kurso komenciĝis la 20-an de Januaro. Ĝin vizitas pli ol cent personoj.

La 7. 3. okazis nova publika Esperantoprezentado, aranĝita de la teatra sekcio de Zamenhofa Esp. S-to. La membroj de tiu sekcio, direktata de F. Kurjański, prezentis originalan Esperantan revuon „Nur kiam brila lun'", por kiu verkis la muzikon Feliks Hiller el Łódź. Reĝisoris Ŝ. Osowicki, muzikgvidanto estis M. Hiller. Partoprenis kaj rikoltis merititajn aplaŭdojn gesamideanoj G. Miller, I. Esterowicz, M. Dargużański, T. Borowicz, B. Halpern, G. Gutman, A. Slapak, S. Mekler, M. Hiller. Akompanis Z. Zonŝajn. Ĉeestis 300 personoj, inter ili multaj neesperantistoj. Loka gazetaro tre favore recenzis. Poste sekvis fervora dancado. — La 6. 3. okazis ĝenerala jarkunveno de Zam. Esp. S-to. Prezidis A. Jabłoński, sekretariis A. Elkind. Raporton pri multflanka agado de la komitato faris la prezidanto de la S-to J. Ŝapiro, kasan raporton kaj bilancon prezentis komitatano-kasisto W. Osowicki. Post diskuto la kunveno dankis la komitaton pro fervora agado. Daŭrigo de la kunveno okazis la 13 n. m.

# SKOLTA TENDARO EN POLUJO.

Kiel oni informas nin el la Skolta Trupestraro en Kraków — ĉi-tiea skolta trupo aranĝas interesan vojaĝtendaron por fremdlandaj skoltoj, kiuj venos Polujon antaŭ la krakova Kongreso. Ekskurso daŭros 5 tagojn. Detalojn ni skribos post fina prilaboro de la programo kaj ni esperas, ke multe da fremdlandaj skoltfratoj partonprenos la interesan ekskruson.

En nomo de krakova Trupestraro — ni invitas kore ĉiujn skoltojn.

# GRAVA SCIIGO!

**Radio parolado en Malmö, Svedlando la 5. IV. k. j. je 10½ anttg.** pri **L. Zamenhof kaj lia Verko.** Parolos Prof. O. Bujwid el Kraków, kiu vojaĝos Svedujon por partopreni la 25 jaran jubileon de la „Klubo Esperanto de Malmö".

# RECENZOJ KAJ RICEVITAJ GAZETOJ.

**La Ekonomia Kooperativo de Ŝtatoj de la Malgranda Entento.** Jan Pekarek Deputito al la Nacia Kunveno de la Ĉeĥo-slovaka Resp. Propono farita dum la konferenco de la Statoj de M. E. okazinta en Tatry. Enhavo: eluzo de la politika bazo por disvolvo de la ekonomia evoluo de la Ŝtatoj de M. E. Danubo kaj la Nigramara Lloyd devas iĝi fundamento por la evoluo de nacia ekonomio. Belegaj fotoj.

**Esperdona Islando.** Jak. de Vreese S. J. esperantigita de Fratulo Floriano Eld. de Espero Katolika Cours Albert Premier 22 Paris VIII. Romkatolika kredo semita de la katolikaj misiistoj en 1050. En 1550 ekkomencis aĝado de la Reformacio kaj luterana episkopo okupis la seĝon en Skalholt. En 1918 Islando fariĝis memstara lando kaj denove inkliniĝas al Romo, sub la influo de la misiistoj.

**Aŭroro** ofic. Org. de la Soc. CSL nevidantaj esperantistoj fondita en 1920 Praha VII Jireĉkova 4. Ĉeĥoslov.

**Kristanismo kaj patriotismo L. N. Tolstoj.** Trad. I Macernis Eld. SAT Kooperativa fako Leipzig.

**Ŝalom-Alejhem.** Ĉe Doktoro. Jeruzalemo, Erec-Izrael Palestino.

**Biblioteko Nova Kulturo** Burgas Bulgarujo. N-ro 4—5.

**Iniciacao Linguistica.** Fr. Valdemaro Lorenz. Sao Feliciao. Brasil.

**Kultura. Monata Revuo Bulgara.** Red. D. Malcev. Plovdiv.

**Kataluna Esperantisto dumonata gazeto.** Org. de Kataluna esp. Federacio n-ro 174. Dir. Jaume Grau Casas L. K. Duran i Bas. Barcelona.

**Verda Mondo Esp.-Propaganda As.** Kameoka Kioto Japanujo N-ro 2.

**La Eugeniko.** Monata Org. de Japana Eugen. As. Koroen-Morigu 667, Hyogoken Mukogun, Japanujo. Enhavas interesan artikolon de D-ro Jasuda el la Patologia Instituto de la Medicina Fakultato pri sekshormono. Ovaria hormono estas facile ricevebla el la urino de gravedaj virinoj. Artikolo daŭrigota en la skv. n-ro.

**La Revuo Orienta.** Japana Esp. Instituto. Sin ogaua-maĉi, Uŝigome, Tokio Japanujo. Granda aerparado de la Imperia Asocio en aprilo 31. Senlaboreco universaliĝas eĉ en Japanujo. Granda brulego en Ŝibuja. (Daŭrigota).

# LINGVA ANGULETO.

**Respondo al demando pri urbnomoj.**

Prof. Grosjean Maupin Esperanto Akademiano en Parizo skribas sekvantan leteron por Pola Esperantisto.

Same kiel la naciaj lingvoj Esp. asimilas k. esperantigas la precipajn urbonomojn: ĝi eĉ estas pli singarda ol tiuj lingvoj esperantigante nur la nomojn kiuj povas esti facile esperantigataj. Neniu pli taŭga k. pli praktika formo estas ja trovebla ol: Romo, Berlino, Parizo, Londono, Vieno k. c., kiu estas samtempe naciaj internaciaj k. esperantaj.

Car la formo Varsovio estas nek pola nek internacia, **Varŝavo estas ja preferinda.**

La nomoj kiuj ne estas facile esperantigeblaj oni simple pruntu el la origina nacia lingvo kiel citaĵojn, sekvigante ilin interkrampe per la proksimuma indiko de la prononco. Oni ne forgesu, ke grafismo estas io firma, konstanta, kvazaŭa legitimilo de la vorto, dank al kiu oni ĉiam povas senerare sciiĝi pri la priparolata afero, kontraŭe la prononco estas kvazaŭ variebla kaj konfuziganta vesto. Plie ĝi ne povas esti tute ĝuste montrata.

Eble estus eĉ bone por ke tiu ĉi montro ne estu tro malproksima de la efektiva nacia prononco, ke oni aldonu kelkajn literojn al la esperanta alfabeto, uzeblajn nur tiacele interkrampe. Ekz. ö ü. Same kiel ĉiu lingva demando, la demando pri urbnomoj estas malsimpla k. ne ebligas ununuran solvon.

### KORESPONDADO.

K-do A. Sidorov, Poĉtov. jaŝĉik 347, Rostov/Don, U. S. S. R. deziras ricevi kritikojn, precipe politikkarakterajn, pri la romano de M. Ŝolohov: „La Kvieta Don-o", por aperigi en nord-kaŭkazlanda literatura revuo.

## ANONCOJ.

**Komercista Esperanto-Asocio Berlin.**

Por la disvastigo de nia lingvo, speciale inter komercistoj, fondiĝis en Berlino la „Komercista Esperanto-Asocio". Oni deziras varbi fabrikojn kaj komercistojn por la movado, UEA-aniĝi ilin kaj instigi ilin al korespondado en Esperanto. Por pli bone atingi la celon, la K. E. A. intencas eldoni tutmondan adresaron de firmoj, kiuj uzas Esperanton. La enlistigo de nomo, adreso kaj fako aŭ specialaĵo estas senkosta.

Oni petas la delegitojn kaj koncernajn samideanojn, ke ili instigu la firmojn jam uzantajn Esperanton por korespondado, varbfolioj aŭ aliaj celoj, sciigi nomon, adreson kaj fakon sub la adreso de la prezidanto de K. E. A.: Paul Conrad, Delegito de UEA, Berlin SO 36, Kottbusser Ufer, 58, Germanujo.

Represo de ĉi tiu alvoko estas petata.

### ADRESLIBRO DE POLLANDAJ ESPERANTISTOJ.

**Oficiala Komuniko No 3.**

La manuskripto de la Adresa parto jam estas en la presejo. Por pligrandigi la daŭro-valoron de la libro, estas aldonita „Praktika Informilo pri-esperanta", enhavanta i. a. la jenajn ĉapitrojn: 15 ĉefaj argumentoj por Esperanto. De kio kaj kiamaniere lerni Esperanton, Adresaro de esper. gazetoj, Bibljografiaj indikoj, Ĉefaj atingaĵoj de Esperanto en postmilita periodo. K. a. utilaj informoj. La „Informilo" estos presata pollingve (por komencantoj kaj estontaj Esperantistoj, la Adresa parto — esperantlingve).

Dank' al ĉiuflanka kunhelpo de esp. organizoj en Pollando, la Adreslibro enhavos nur tute certajn esperantistojn — membrojn de la apartaj Societoj aŭ grupoj kaj la deklarantojn, kiuj alsendis deklaracion — entute ĉirkaŭ 3500 adresojn. Kiu alsendos sian adreson en monato marto, povos esti presata en la „Aldono". Do ĉiu, kiu ne ankoraŭ faris tion, rapidu.

La ioma prokrasto en la aper-dato de la Libro egalvaloriĝos per ĝia fidindeco kaj enhavriĉo.

**Redakcio de la Adreslibro de Pollandaj Esperantisto, — Warszawa, Miasto-Ogród, Czerniaków, ul. Zaciszna 2. m. Jana Zawady.**

## GEKOLEGOJ INSTRUISTOJ!

Mi sukcesis instigi la „Edukan Komitaton de la Germana Unuiĝo por Ligo de Nacioj", eldoni la porinfanan gazeton por la 18-a de Majo (Tago de Bonvolo) ne nur en angla, franca kaj aliaj lingvoj, sed ankaŭ en Esperanto. La prezo estos 5 germanaj markoj po 100 ekzempleroj (inkl. de sendkostoj ktp.). Bonvolu mendi — ankaŭ pro la propagando de Esperanto en la Ligo de Nacioj — por viaj gelernantoj kiel eble plej grandan kvanton da ekzempleroj de ĉi tiu gazeto jam nun ĉe la sekretariino de „Kunlaborado": f-ino Martha Moelke, Brandenburgische Str. 5, Berlin-Südende (Germanujo). Poŝtĉekkonto: Berlin 131.530.

**D-ro Dietterle**

ano de la „Erziehungsausschuss der Deutschen Liga für Völkerbund".

---

### OD REDAKCJI.

Nadeszła do Red. kartka z Żołyni bez adresu nadawcy i treści! Prosimy więc stale o podawanie dokładnego adresu na korespondencji do Red. lub Adm.

---

**Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, Stolarska 6.**